# THE BRITISH ESPERANTIST

WITH WHICH IS INCORPORATED

INTERNATIONAL LANGUAGE

VOL. XXXII, No. 411 — JULY, 1939


# La Redakcio Komentas

NIAJ legantoj jam scias, per informo en ĉi tiu paĝo de la junia numero, ke nia Asocio fine posedas sian propran hejmon. En la nuna numero aperas oficiala informo pri la efektiviĝo de nia longe sopirita projekto, kun detaloj pri la Londona "Domo". Kiam vi legos ĉi tiujn vortojn, nia oficistaro jam eklaboros tie.

Post kompletigo de la laboroj de adaptado kaj riparado ni faros nian eblon por akiri fotografaĵon, kiun ni reproduktos en iu estonta numero.

## *Landaj Kongresoj*

Nia profetaĵo en la lasta numero efektiviĝis. De ĉiuj flankoj venas laŭdaj raportoj pri la 30a Brita Kongreso en Weston-super-Mare, kaj ni donas en la sekvantaj paĝoj priskribon kun bildoj. La granda sukceso de la Kongreso ŝuldiĝas al la serioza kaj efika laboro de niaj samideanoj en Weston kaj Bristol, kaj spegulas la fakton—atestatan de aliaj cirkonstancoj — ke ilia regiono en la lasta tempo fariĝis unu el la plej viglaj sferoj de nia landa movado.

Pro la fakto, ke Skotlando diversrilate ĝuas la rangon de *lando*, egale kun Anglujo kaj Kimrujo, la ĉiujara Kongreso de la Skota Federacio ne povas esti kalkulata nur kiel federacia konferenco, kaj tial ni ĉiam plezure disponigas spacon por sufiĉe ampleksa raporto pri ĝi. La nuna numero enhavas raporton pri la sukcesa 34a Kongreso okazinta en la skota ĉefurbo unu semajnon antaŭ la 30a Brita, en kiu tamen niaj skotaj membroj prenis sian parton tiom, kiom la distanco permesis.

Parolante pri Skotlando, ni paŝas flanken por gratuli tiun landon kaj nian skotan Prezidanton, G. D. Buchanan, pro ties *kvarfoja* elekto al tiu ofico.

## *Eksterlanden !*

Same kiel la meteorologia ĉielo, kiu jam de kelkaj semajnoj estas tiel blua, ke ni nur malvolonte forlasas nian ĝardenon por sidiĝi antaŭ la redakcia skribmaŝino, tiel ankaŭ la horizonto de internacia politiko iomete plisereniĝis. Ni esperas, ke tiu cirkonstanco kuraĝigos tiujn el niaj membroj, kiuj povos tion fari, pasigi siajn somerajn libertempojn en tiu pli larĝa mondo, al kiu Esperanto donas al ni la ŝlosilon.

Anoncoj aperintaj en niaj paĝoj montris, ke ne mankas okazojn por ĝui Esperantistan ferion, kun aŭ sen instruado, en la nuna somero. Ĉe la apero de ĉi tiu numero malfermiĝos la feria semajno en Malo-les-Bains, kaj post du semajnoj sekvos ĝin la ferio en Helsingör. Aŭgusto vidos la 31an Universalan Kongreson en Berno, kun diversaj postkongresaj aranĝoj, kaj, por la junularo, la kunveno en Tervueren.

Krom la aranĝoj, por kiuj la turisma fako de B.E.A. organizas karavanojn, okazos aliaj egale vizitindaj, ekzemple la diversaj kursoj en la Esperanto-Domo en Arnhem anoncitaj en nia junia numero.

Do, se viaj rimedoj kaj cirkonstancoj permesas, iru eksterlanden. Bonan Vojaĝon !

**NOVA ADRESO**

**Ni informas ĉiujn niajn membrojn, abonantojn, kunlaborantojn kaj amikojn, ke la adreso de la Brita Esperantista Asocio, kaj, sekve tiu de nia Redakcio, de nun estas**

**140 Holland Park Avenue, London W.11.**

---

**B.E.A. Karavanoj.**—Je presigo de ĉi tiu numero aliĝis al la Bernaj Karavanoj 59 ; Helsingör 19 ; Malo-les-Bains 7 ; Tervueren 87. Dum nur kelkaj pluaj tagoj vi povos aliĝi al la Bernaj Karavanoj !

# OUR "ESPERANTO-DOMO"

MEMBERS of the B.E.A., and all others who have interested themselves during the last few years in the proposal to acquire a property in London as a permanent home for the Association, and especially numerous friends who have subscribed or raised sums for the Jubilee Fund set up to give effect to the project, will learn with pleasure and satisfaction that it has at last been found possible to secure a freehold house for the purpose and that it will be our headquarters as from July 1st.

With the moderate sums available, *i.e.* about £1,600 already in the Jubilee Fund and a further £200 conditionally promised by a generous donor, the Council were not able to obtain a property which would at one and the same time be suitably situated and also be adequate for all the purposes envisaged by some members at the inception of the scheme. It became evident that many years would elapse, in all likelihood, before the Jubilee Fund was sufficient for securing such an "ideal" Domo. Accordingly, the plan of having a fully-equipped social centre, and possibly a hostel, was abandoned, and attention concentrated on the type of house which would primarily form commodious headquarters for the Association's ordinary work and for Council and Committee meetings, and only secondarily be a meeting-place for members and friends. It may however be mentioned that in the vicinity of the new Domo there are facilities for hotel or other accommodation for members visiting London, and also that though the largest rooms in the house will only serve for limited gatherings they will suffice not only for Council meetings but also for special conferences of various kinds. It is hoped in due course to furnish these rooms in such a way as to make the place really comfortable, and a pleasant meeting-place for members at all ordinary times.

The Library will remain at Kingston-on-Thames for the present, as for various reasons its transfer to the Domo is not practicable in existing circumstances.

A part of the house may be sub-let in the interests of finance, but the accommodation available for office work, book-selling, and (on the floor above) the meetings just mentioned, will be greatly superior to that in the old premises. Further, an attractive shop-front has been put in, and will, it is confidently hoped, materially assist the publicity side of our work as time goes on. In addition, we shall be in our own house, with all the advantages that this implies.

The new address is **140 Holland Park Avenue, London, W.11.** The road, well served by buses, is a very pleasant main thoroughfare with trees down both sides, and the surrounding streets are of good type. Holland Park Station, on the Central line of the Tube railway system, is a few minutes' walk from the house, and the next station going west, *i.e.* Shepherd's Bush, is conveniently near,—as is also Uxbridge Road station on the L.M.S. Co.'s line from Willesden Junction to Kensington (Addison Road) and Earl's Court.

The acquisition of the property and the carrying out of essential repairs and alterations have involved using up the entire sum subscribed to the Jubilee Fund, including the additional £200 already mentioned, and also the raising of a large loan. The Fund will therefore remain open for further contributions, both for completing the equipment of the Domo and for the gradual repayment of the loan.

All correspondence from now onwards should be sent to the new address.

BERNARD LONG,
*Honorary Secretary.*

# LA SKOTA KONGRESO

**Edinburgo, 19–22 Majo, 1939**

LA 34a Skota Esperanta Kongreso de la Skota Esperanto Federacio okazis en Edinburgo dum brila vetero. 153 personoj ĉeestis, kaj la lokaj kaj naciaj ĵurnaloj plene raportis. Ĉefe interesis la ĵurnalistojn la informo pri la enkonduko de la lingvo en la lernejojn, kaj la ebleco, ke la B.B.C. uzos Esperanton por la elsendo de la novaĵbultenoj, kiuj nun estas multlingvaj.

Vendredon, ĉe la malferma kunveno, f-ino J. Baird, L.K., F.B.E.A., kaj s-ro R. Mackay, Prezidantoj de la Federacio kaj la Edinburga Societo respektive, bonvenigis la ĉeestantaron. Poste, vespermanĝo kaj neformala socia kunveno okazis.

Dum la sabata antaŭtagmezo estis ekskursoj mallongaj ĉirkaŭ la urbo, kaj vizitoj al "Broadcasting House" kaj al la presejo de la mondkonata firmo Nelson,

eldonejo de la fama Vortaro Esperanta "Edinburgh". La konsilantara kaj kongresa kunvenoj posttagmeze estis interesplenaj. Ĉe la kongresa kunveno, f-ino Baird, alparolinte la samideanojn, ricevis salutojn el la diversaj lokoj reprezentataj; salutleteroj alvenis eĉ el Polujo kaj Hungarujo!

La DAILY RECORD, kies raportisto ĉeestis, publikigis la Esperantan rubrikon "Skota Kongreso Salutas", kaj, post priskribo de la okazintaĵoj, la sekvantan saluton en Esperanto: "La 34a Skota Esperantista Kongreso salutas la DAILY RECORD. Esperanto multe progresas nuntempe. Ni esperas, ke per la internacia lingvo la mondo trovos pacon".

Vespere, la kongresanoj estis la gastoj de la Skota ĉefurbo, ĉe urbestra akcepto, en la urbdomo. La urbestro, kiu parolis tre favore al nia movado, deziris al ni ĉian sukceson. Ĉirkaŭ 200 personoj ĝuis la balon, kiu sekvis la akcepton. Ni fieris scii, ke oni feste lumigis la Edinburgan Kastelon speciale por honori la kongreson.

La plimulto de la kongresanoj ellitiĝis frue je dimanĉo, por ĝui la promenadojn, kiujn aranĝis la Edinburganoj—al la Reĝa Mejlo, la Botanika ĝardeno, kaj tiel plu.

Ĵurnalisto ne nur vizitis la Diservon, posttagmeze, sed, kvankam li ne parolis la lingvon, restis dum la tuta daŭro, kaj poste lerte priskribis la aferon en la DAILY EXPRESS. Ĉe la Grosvenor Hotel, la kongresejo, en la vespero, okazis la presentado de muzikaĵoj variaj kaj teatraĵeto, originale verkita en Esperanto de la prezidanto de la Edinburga Esperanta Societo. Sed, bedaŭrinde, finiĝas ĉio bona—la vespero rapidis al fino, kaj post kelkaj kuraĝigaj vortoj de f-ino Baird venis la tempo por kanti *La Espero*.

La kelkaj kongresanoj, kiuj restis ĝis lundo, ĝuis aŭtomobilan ekskurson tuttagan, kaj, (ĉu kredeble?) kelkaj kuraĝaj samideanoj finis la kongreson per provo de la ekzamenoj de R.S.A.!

J. F. SOUTER.

# MARGARETE SAXL

THOSE who were present at the London Congress when our beloved friend, Margarete Saxl, so unexpectedly passed away, will remember that a collection was made towards the cost of her funeral and was afterwards continued so as to ensure the erection of a suitable memorial stone over her grave in Hendon Park Cemetery, Mill Hill, London. This has now been erected and photographs of it are shown below. For the benefit of those who may wish to go and see it, the number of the grave is 46310.E11.

I.E.L. has received almost exactly the sum necessary to cover the cost of the funeral and of the memorial stone. During the meeting of the I.E.L. Executive Committee, held at Easter, it was decided to continue the collection with a view to obtaining a sum sufficiently large to cover the cost of cleaning the memorial and of care and attention to the rock plants in the garden of the memorial in perpetuity. The cost of doing this is £69, and we feel sure that many of those who still revere the memory of Margarete Saxl will be only too pleased to send some small sum to make the above plan possible. Such donations should be sent either direct to I.E.L., Heronsgate, Rickmansworth, Herts., or to the B.E.A., 140 Holland Park Avenue, London, W.11, for transmission.





# The Esperanto Student

## LA VERDA STELO

La verda stelo, la simbolo de Esperanto, jam okupas tre gravan lokon en la vivo de multaj homoj, kaj prezentas al tiuj personoj ideon valoran kaj grandiozan. Al multaj aliaj personoj la verda stelo estas nur signo de la fakto, ke la persono, kiu portas ĝin estas Esperantisto. La personoj, kiuj deziras uzi Esperanton nur por la komerco, aŭ por la turismo, vojaĝado aŭ interŝanĝo de poŝtmarkoj, trovas la stelon utila. La aliaj personoj, la idealistoj, opinias ke la stelo estas ne nur utila, sed estas signo de granda ideo, de la ideo de bonvolo kaj amikeco inter la popoloj de la mondo.

Al kiu kategorio vi apartenas? Ĉu vi opinias, ke la Internacia Lingvo estas nur instrumento por la uzo de la turistoj, aferistoj, kaj negocistoj? Aŭ ĉu vi favoras la alian ideon? La ideon pri amikeco kaj frateco inter la homoj? Ne multe gravas, ĉu vi havas la unuan aŭ la duan opinion. La grava punkto, kiun mi prezentas al vi nun, estas; Ĉiu Esperantisto devas porti la stelon! Eĉ se vi estas nur nova kaj juna Esperantisto, la stelo estas tre necesa parto de la vestoj. Ne iru el la domo sen la stelo videbla sur la vestoj ie. Eĉ al la preĝejo, la lernejo, la oficejo, aŭ la dancejo. Kaj kiam vi estas sur la strato, en kafejo, aŭ en stacidomo, ĉiam serĉu la stelon. Se vi vidas stelon, almenaŭ salutu la personon, kiu portas ĝin, per "Bonan Tagon, Samideano!".

La Verda Stelo estas la Esperantista uniformo.

## PECO POR PROGRESINTOJ

**Elegantan Tradukon,** mi petas, de la ĉi-suba anekdoto. Sendu al mi, p.a. Redakcio, The B.E.

*Two women were in a trolley-bus in a traffic jam.*

*One said, "We'll get on better if we get off".*

*They got off, but could not get through the crush.*

*Said the other, "We'd have come off better if we had stopped on".*

Mi dankas al s-ro J. W. Mann en Leeds pro ĉi tiu tradukotaĵo.

Ŝajne la junia "Peco" trovis viajn dubojn pri la plej precizaj tradukoj. Mi opinias, ke la provo de S-ro J. F. Partington estas la plej flua.

*Malsuprenirinte duonon de kruta deklivo li renkontis bruan aron da piknikantoj, plene funkciigis siajn bremsojn, flanken glitis, kaj fine subite haltis ĉe desegita arbotrunko kiu troviĝis kontraŭ muroŝtuparo.*

P. E. da Gogo

## WORD ORDER

It is often said in text books and taught in classes that the word order in Esperanto is perfectly free, and that there are no restrictions whatsoever. This is hardly correct, and should be taken with the proverbial grain of salt, or as Dr. Zamenhof said, "kun granda rabato".

It is true to say that the order of the words in Esperanto is much freer than the order of English words, because of the accusative case, and because the adjectives agree with the nouns in number and case. But there are many words which just cannot go in any other place but the right one, while a number of other words give a different shade of meaning in one place from that in another. A good example of this is the use of the negative *ne*. See the different meanings in the following sentences.

*Mi* **ne** *povas kanti tiun melodion (cannot).*

*Mi povas* **ne** *kanti tiun melodion (able not to).*

*Mi povas kanti* **ne** *tiun melodion (sed alian).*

*Mi povas kanti tiun melodion* **ne** *bele sed laŭte.*

*Mi povas kanti tiun melodion bele sed* **ne** *laŭte.*

So we see that *ne* must stand directly before the word to which it refers. So must the word *nur*, also the words *eĉ*, *ankaŭ*, and all the prepositions. Take care, too, when an adverb stands between two verbs or other words which it could equally well qualify; *Li provis sukcese fini la taskon* does not make it clear whether he tried successfully or tried to finish successfully. It would have been better to say *Li sukcese provis fini la taskon*, or *Li provis fini sukcese la taskon*. Read the works of Zamenhof and note well how cleverly the words are ordered so as to give an exact shade of meaning, or to get a pleasant rhythm.

# BRITA KONGRESO EN WESTON-SUPER-MARE



[*Fotoj : R. B. Wilkinson*

**LA KONGRESA FILMO.—Supra vico : G. D. Buchanan (Prez. B.E.A.), A. C. Oliver (Kasisto B.E.A.), f-ino Ekberg (Svedujo), Nora Holmes, Henry W. Holmes (Prez. Londona Klubo), R. B. Wilkinson (Sek. B.E.A.), W. T. Head (Weston-super-Mare), L. H. May (Kongresa Sek.). Dua vico : V. V. Sumfield (Eastbourne), Clara Goldsmith, Noel Wooding (Leicester), f-ino E. Chaundy (Oxford), Mary Rook (London), Frank Buckley (Prez. Bristola Grupo).**

BRILA vetero ! Brila sukceso ! Ĉu oni povas postuli pli de kongreso ? Alveninte en Weston - Super - Mare vendredon vespere mi trovis, ke jam en la urbdomo la interkonatiĝa kunveno kaj koncerto komenciĝis. La Bristola Esperantista Societo estis prezentanta teatraĵojn, kaj je tiu unua kontakto kun la Bristolanoj mi sentis admiron, kiu pli kaj pli kreskis dum la kongreso.

Sabaton matene okazis la nova ero en kongreskunvenoj : tiu arанĝita de la Komitato por Propagando kaj Ĝeneraloj Celoj de B.E.A. Mi konfesas, ke min flankentiris bone konata samideano por gustumi la gastigon de la urbaj aŭtoritatoj, kiuj permesis al ni partopreni ludojn en la parkoj, sidi en komfortaj seĝoj apud la maro, aŭskulti koncertojn k.c., tute senpage.

Posttagmeze, tamen, mi partoprenis la kunvenon de I.E.L., kie ni aŭdis kiom multe estas farata por rifuĝintoj pere de s-ro Goldsmith kaj nia internacia organizaĵo. Estas ankoraŭ multo farebla, kaj oni petas financan helpon kaj proponojn akcepti kaj doni loĝejojn al tiuj, kiuj nur volas resti survoje al aliaj landoj, kaj ankaŭ proponojn de laboro por domservistinoj. Ni ankaŭ ricevis kuraĝigan informon, ke malgraŭ la perdo de samideanoj en centra Eŭropo, la nombro de membroj de I.E.L. kreskas.

Sabatvespere ni estis akceptataj de la urbestro kaj urbestrino en la bela Pavilono en la Vintraj Ĝardenoj. Ofte tiuj aferoj estas formalaj, sed la ĉefcivitanoj de Weston persone salutis kaj manpremis nin ĉiujn. Dum la vespero ili daŭre iris inter ni por certigi nian ĝuon. Ilia donaco de abundaj bongustaj refreŝigaĵoj vekos komenton, kie ajn la partoprenintoj rekunvenos.

Dimanĉmatene ankoraŭ bele sunbrilis, sed kontentiga nombro de martiroj trovis la vojon al la ĝenerala kunveno de B.E.A.* La novaĵoj tie estis tre diversspecaj : ekzemple ke ni fine atingis la punkton, kiam ni ne plu povas vivi je nia kapitalo, sed devas aŭ pligrandigi niajn enspezojn aŭ serioze limigi nian agadon. Aliflanke oni anoncis la aĉeton de la Esperanto-Domo

* Oficiala Raporto en paĝo 107.

en Londono. Ree la Bristola Societo gajnis nian gratulon, ĉar ĝi sukcesis kunmeti la kotizojn de la societo kaj de B.E.A., tiel ke la 47 grupmembroj ĉiuj estas membroj de B.E.A. kaj I.E.L. kaj tial plenrajtaj Esperantistoj. Pro la kvaronigo de la kotizo, nun pagenda trimonate, la grupo trovis, ke ĝi ne perdis membrojn, sed kontraŭe ke entuziasmo kreskis, kiam nova membro plene konstatas la vastecon de la movado. Dum longaj jaroj ni atendis ke iu sukcesigu tian aranĝon kaj nun, kiam ĝi pruviĝas ebla, ni ĉiuj esploru ĉu ni grupo povas same fari. Estas certe, ke la nacia kaj la internacia asocioj devas havi pli multnombran subtenon por certigi la estontecon de Esperanto.

Malgraŭ la zorgo kaj la bone faritaj aranĝoj de la kongreskomitato la hotelestro permesis sin esti tro ŝarĝita por provizi la kongreslunĉon laŭ sia reputacio. Tamen necesas pli ol tio por silentigi la gajan babiladon de Esperantistoj. Mi ĝojis rimarki, ke plejparte la kongresanoj parolas Esperanton inter si.

Posttagmeze oni komune fotografiĝis kaj poste multaj iris al la kongresa Diservo. Pastro Howard M. Jackson interese predikis pri morala kaj spirita rearmiĝo, kaj la monkolekto por blindaj Esperantistoj sumis £5. 5s.

### Publika Kunveno

Vespere la urbdoma halo estis tute plena por la publika kunveno nomita "Esperanto kaj Internacia Paco". S-ro W. Appleby prezidis, kaj unue parolis s-ro John Turnbull, la bone konata Delegito en Bristol. Li ŝerce kaj trafe montris, ke kvankam Esperanto ne pretendas esti ĉio necesa por venigi pacon, ĝi tamen donas eblecon por kontakto inter la ordinaraj homoj de ĉiuj nacioj kiuj ja ne deziras militon. Li certigis la komparan facilon lerni Esperanton ĉar li sukcesis, kvankam li komencis lerni ĝin en sia 66a jaro. Sekvis Pastro F. B. James, la loka prezidanto de "Fellowship of Reconciliation" kiu kiel ne-Esperantisto enfazis la urĝecon de kunlaboro de ĉiuj pacamantaj.

Fine s-ro Sigismundo Pragano el Rumanujo, la fama Esperanta instruisto kaj prelegisto, klarigis, kiel Esperanto malhelpas propagandon per malveraĵoj, kies celo estas krei pensstaton de suspekto kaj malfido al aliaj nacioj, tiel ke homoj pretas mortigi unu la alian. Li parolis en Esperanto, kiun mi havis la plezuron traduki. La ne-Esperantistoj tiel havis okazon aŭdi la lingvon kaj samtempe sperti, kia estas kunveno, kiam oni devas utiligi tradukistojn. Tiu lasta fakto tre frapis kelkajn kaj estis forta argumento por Esperanto. Oni menciis niajn klopodojn por rifuĝintoj, kaj por ili oni kolektis £7. 14ŝ. dum la kunveno.

### La Amuza Flanko

Lunde en sunbrilo, kiu memorigis s-ron Pragano pri Rumanujo, la kongresanoj vizitis la kavernojn de Cheddar kaj Wookey Hole. Ili vidis la belaĵojn de nia lando kiujn ni tiel malofte mencias, ke alilandanoj opinias, ke Anglujo konsistas sole el industriaj urboj.

Vespere ni ree ĝuis la prezentadon de "Muzika Revuo" farata de la Bristola Societo. Diversspecaj teatraĵetoj kun lerta muzikakompanado entute provizis tie amuzan kaj interesan programon. Bona surpriza ero estis kantoj kaj deklamo de f-ino Ekberg el Svedujo. Tiel finiĝis plej kontentiga kongreso. Estas aventuro de fido parte de ĉiu kongresa komitato: precipe kiam oni devas promesi tiom kaj tiom por ricevi oficialan subtenon. Des pli granda estu nia danko kaj tutkora nia gratulo al s-ro May, la sekretario, al ges. Head, la Prezidanto kaj lia edzino, kaj al ĉiuj, kiuj laboris. Ankaŭ ni ne forgesu s-ron Frank Buckley kaj la Bristolanojn. Kiel diris la kongreskanto: "Ĝis Reven'." Ĝi estu egale feliĉa.

HENRY W. HOLMES.

## LA VESTONA KURSO

Dank' al la aplaŭdinda iniciato de la kongresa komitato en Weston-super-Mare, ni havis la plezuron ĝui dum la Pentekosta semajno kelkajn majstrajn prelegojn kaj spritajn lecionojn de s-ro Sigismundo Pragano. Partoprenis la kurson homoj el ĉiuj partoj de la lando, venintaj ĉiamaniere— piede, bicikle, flugmaŝine kaj eĉ vagonare! Ĉiutage meze 25 partoprenantoj ĝoje kunvenis por sekvi la tiel lerte gviditajn lecionojn.

Kiel la Vestona suno forpelis ĉiutage la matenan nebuleton, tiel same la trafaj respondoj kaj logikaj klarigoj de s-ro Pragano forigis ĉiujn dubojn kaj malfacilaĵojn pri gramatikaj punktoj.

Kun agrabla sprito kaj kun multaj belaj

bildoj s-ro Pragano faris pri Rumanujo interesan kaj valoran prelegon, kiu vere ĝojigis la kunvenintajn gesamideanojn.

Sed kiel priskribi la ĝuon, kiun ni ĉiuj spertis, kiam li malfermis por ni la magian pordon kaj enkondukis nin en la veran literaturan mondon de Esperanto? Ensorĉitaj ĉiuj estis aŭskultante poemojn tiel bele deklamitajn, kaj eksciante, kiel nekredeble riĉa estas nia lingvo.

Kvankam ĉeestis homoj, kiuj partoprenis la kurson gviditan de s-ro Pragano en Barry dum la Paska libertempo, ili ĉiutage trovis en la vestona kurso ion novan kaj en la lecionoj kaj en la literaturaj prelegoj.

Ni esperu, ke multaj aliaj Esperantistoj imitos la ekzemplon de Weston-super-Mare kaj Barry okazigante en diversaj lokoj similajn memorindajn aranĝojn gvidotajn de s-ro Pragano.

EDITH J. DOWNES (Barry).

## ĜIS LA REVIDO!

Per kelkaj vortoj mi deziras adiaŭi la britajn gesamideanojn, kun kiuj mi havis la plezuron kunlabori, aŭ simple interrilati, dum la pasinta laborsezono.

Kiam vi tenos ĉi tiun B.E.-numeron en la manoj, mi estos forlasinta la britan insulegon, mi estos surŝipe, aŭ jam en Francujo por gvidi la internacian ferio-semajnon en Malo.

Mi tiam repensos al la cirkonstancoj, en kiuj mi decidiĝis resti en Anglujo, al la bedaŭrata morto de f-ino Saxl, mi pensos pri la malagrablaĵoj kaj seniluziiĝoj kaŭzitaj al ni de la neatendita sinteno de la L.C.C., mi pensos pri la fervoro elspezita en nia batalo kontraŭ la vidpunkto de la Prezidanto de ties Edukada Komitato, mi pensos pri miaj kursanoj, kiuj montris sian intereson per regula vizitado de la naŭmonataj kursoj.

Mi bone konscias, ke mi ne faris dum ĉi tiu sezono tiom, kiom mi povus kaj volus kaj ŝatus fari, sed mi ja ne povis fari pli ol mi rajtis fari laŭleĝe. Por la venonta vintro mi havas pli plenan programon (kaj kelkajn ekstrajn intencojn) kaj mi esperas daŭrigi ankaŭ sur la kampo de la porinstruistaj kursoj, ĉar tion ebligos la larĝvida bonvolo de la Essex-aŭtoritatoj.

La unusemajnaj kursoj en Barry kaj Weston-super-Mare ankaŭ bonege sukcesis, donis egalan plezuron al mi kaj al la partoprenintoj kaj pruvis, ke estas eble organizi tiajn semajnojn ankaŭ en Britujo, ne nur sur la Kontinento! Jam ekzistas intenco de simila aranĝo en la aŭtuno! Mi esperas, ke la viglaj grupoj kaj federacioj pripensos ĉi tiun aferon por sia venontsezona programo, por doni al laŭeble multaj personoj la eblecon pliperfektiĝi en la lingvo en agrabla kaj memorinda maniero!

Al ĉiuj kunlaborintoj kaj kunlaborontoj: mian koran dankon kaj amikan saluton.

Dum la somero mi estos en Nederlando, en Arnhem, kaj multe ĝojos, se mi povos saluti tie multajn britajn gesamideanojn. Vi scias certe, ke la Esperanto-Domo estas vera Esperantujo, regule vizitata de multaj personoj el multege da landoj. Vi povos tie, kaj nur tie, sekvi la kursojn de la plej admirata pedagogo de Esperantujo, Andreo Cseh. Bonvolu tuj peti la detalan someran programon de la Internacia Cseh-Instituto, 172, Riouwstr., Den Haag, Nederlando. Se vi povus veni dum la dua semajno de aŭgusto (7–12) — eble post la Berna Kongreso, revenante hejmen — mi aparte ĝojus, ĉar tiam okazos miaj prelegoj pri la personeco de d-ro Zamenhof.

Sed nun mi devas fini, alie mia artikoleto fariĝos artikolego kaj s-ro Wadham ne trovos lokon por ĝi en THE B.E.

Ĝis la revido!

SIGISMUNDO PRAGANO.

## RUMANA BONHUMORO

**Sigismundo Pragano en ĉarma sandviĉo ĉe la Brita Kongreso**

[*Foto: J. M. Baxter*



## From Near and Far

**Death of Basque Priest.**—Father Bilbao, the Basque refugee priest, who bore the same name as the port in which he worked, and whose death occurred on May 24th, was an Esperantist and one of the earliest pioneer teachers of the international language in the Iberian peninsular.

Soon after he took up residence at Nazareth House, Southampton, a paragraph appeared in a local newspaper announcing he would be glad to get into touch with Esperantists in Southampton and district. An immediate response came from several directions, much to the joy of the refugee priest.

Father Bilbao was present at the recent conference of the Southern Esperantist Federation at Eastleigh at which he was elected an honorary member.

**University Principal impressed by Esperanto Congress.** — Among the many distinguished educationists who became Patrons of the 34th Scottish Esperanto Congress held in Edinburgh, was Sir Thomas Henry Holland, K.C.S.I., K.C.I.E., D.Sc., LL.D., F.R.S., Principal of the University of Edinburgh.

His sympathy with the Esperanto Movement, indicated by his "Esperante-verkita" consent to become a Patron, was indubitably evinced by his presence at a two-hour programme of musical and dramatic items, given at the closing meeting of the Congress.

Though Sir Thomas had learned Esperanto some thirty years ago and used it in correspondence, he had not previously heard it spoken or sung. Expressing his pleasure at being present, he emphasized how much he had been impressed by the euphony of the language.

**Esperanto Day at New York World Fair.**—The Organisers of the New York World Fair have decided to call July 3rd "Esperanto Day," in honour of the 32nd Congress of the Esperanto Association of North America. In the morning congress members will receive free transport and entrance to the Fair and will be conducted around the chief attractions. Following a banquet in the Swiss House there will be a public gathering with a truly international programme. The culmination of the "Esperanto Day" will be a supper in the Fair's Restaurant, "Winter Wonderland."

**Liége International Water Exhibition and Esperanto.**—Following the example of many other international Exhibitions and Fairs, the International Water Exhibition now being held at Liége in Belgium, is employing Esperanto for its publicity and in correspondence.

**Dutch Tramways Publish Tours Tariff in Esperanto.**—Visitors to the famous Marken, Volendam and Edam district in Holland, can now obtain a prospectus in Esperanto of the tours and tariffs, published by the North-South Holland Tramway Company.

**Japana Turisma Servo Esperanta.**—From Japan comes the news of the forming of a Tourist Service with the object of making Japan known abroad by means of Esperanto, which will be used for tourist literature and in assisting foreign visitors. The central office is established in Osaka, with local offices in a number of the major Japanese and Manchukuo towns.

**Dixmude War Memorial Tower.**—Esperanto is now included in the five languages in which the descriptive leaflet to the Dixmude War Memorial Tower is edited.

